# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 22/02/2018 Tricent- sesdekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

**Ĝis nun 1,540,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



Ekstudis pli ol **1,230,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol **310,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 16 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)



Tre klera estas tiu PAG-a klarigo de la Zamenhof'a propono, ke oni rajtas uzi ĉiun netransitivan verbon en la pasiva voĉo. Ĝi signifas ke oni rajtas ellasi parton de vorto, se estas klara, ke la signifo de la ellasita vortparto restas en la signifo de la tuta kunmetaĵo. Tio okazas laŭ la oficiala Regulo pri Neceso kaj Sufiĉo. En ĉi tiuj kazoj la ellasita parto estas afikso kiu aŭtomate transitivigis la verban parton de la vorto, kaj kiu transitiviga signifo, ne esprimata, tamen restas en la plimallongigita verba parto. Do "irota vojo" ĉiam signifas "surirota vojo" kaj "lumitaj fenestroj" ĉiam aŭtomate signifas "prilumitaj fenestroj". La Regulo pri Neceso kaj Sufiĉo atendas, ke ĉiu Esperantisto scias tion. Similan klarigon mi uzas ĉe la medialaj verboj kun substantiva aŭ adjektiva aŭ netransitivverba radiko, kiel riĉiĝi kaj profesoriĝi kaj (en)dormiĝi venantaj el riĉigiĝi kaj profesorigiĝi kaj (en)dormigiĝi, ĉar nature oni povas medialigi, kaj ankaŭ pasivigi, nur transitivajn verbojn.




*Marcel Leereveld.*





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.





Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 17a de Februaro estis la tria sabato. Venis Roger Springer, Lochlann Niddrie, Ian Wylles, Chris Holliss kaj John Casey. *Roger Springer*





# Semajna raporto de Melburno

**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 18an de Februaro kvin homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj vice legis indikilojn pri landoj kaj famuloj, celante ke iu divenu la ĝustan respondon.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 19an de Februaro kvin homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni babilis kaj faris (tro mafacilajn!) lingvajn ekzercojn.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

**Dimanĉa kunveno**, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 25an de Februaro je 15:00-17:00

**Lunda kunveno**, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 26an de Februaro je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1036 Instagram – 181

Facebook – 376 Telegram – 19

Twitter – 377



# Esperanto diskonigita en Maitland, NSK

Sabaton la 10an de Februaro 2018, pluraj esperantistoj (kvar vestitaj en specialaj verdaj t-ĉemizoj) iris al la multkultura festivalo "Maitland Riverlights" por diskonigi Esperanton.

Eckard Roehrich eksponis lignajn vortblokojn, kiujn li faris por instrui pri la lingvo. La teamo ankaŭ instruis multajn homojn ĉe la "Lingva Sidĉambro" (Language Lounge).

Kiam ni proponis propagandaĵojn, iuj diris, "Mi estas bona". Certe! Tamen mi pensas, ke ili estus pli bonaj se ili akceptus la libretojn. :-) Iuj infanoj petis multajn libretojn – tre formale.

Laste, post sunsubiro, lumetoj sendiĝis laŭ la rivero. Bela vido, kvankam ne tre serioza.

*De maldekstre: Rainer Kurz (Germanio), Deshun (Ĉinio), Eckard Roehrich (Centra Marbordo), Andrew Spannenberg (Novkastelo), Alan Turvey (Centra Marbordo). Ankaŭ helpis ĉe la Esperanto-tablo (sed ne aperas en la foto) Dmitry Lushnikov (Sidnejo). Foto farita de Richard Hershman, Maitland City Council– Andrew Spannenberg*



# Fotojn Por La Hejmpaĝo



Dankon al ĉiuj, kiuj sendis al mi fotojn por la hejmpaĝo de la retejo AEA. Mi anstataŭigis kvin kaj retenis unu: http://aea.esperanto.org.au. Memoru, ke la ĉefa celo ne estis montri la plej lastatempajn, sed la plej allogajn kaj taŭgajn. Kompreneble, ne estas tro malfrue: se vi havas aliajn fotojn, kiuj vi pensas estus taŭgaj, bonvolu sendi ilin al mi: drdada@gmail.com. Jonathan Cooper, vic-prezidanto kaj administranto de retejo AEA

*Johathan Cooper*



# Lernu Esperanton



Esperanto estas rapide lernebla kaj adaptebla al la fleksebla esprimado de ideoj, el multaj kulturoj. Homoj kutime sukcesas lerni Esperanton plurfoje pli rapide ol aliajn lingvojn.

Pli ol cent mil homoj regule uzas Esperanton - ĉu en internaciaj eventoj, ĉu en loka klubo aŭ hejme kun la familio. Pluraj milionoj da homoj lernis Esperanton.

**Proksimume mil homoj estas Esperanto-denaskuloj**. Ĉi tie vi trovas plurajn eblecojn por lerni Esperanton. Ne ekzistas unusola ideala kurso por ĉiuj homoj - elprovu plurajn kaj eble partoprenu en diversaj kursoj, samtempe aŭ sinsekve. La komunumo havas multajn interesajn flankojn, kiujn vi pli bone ekkonos, se vi iom komprenos la lingvon.

La "**Kurso de Esperanto**" estas komputila programo, kiun vi povas elŝuti kaj instali sur vian komputilon.

Ĝi tre bone instruas la bazon de Esperanto, kun multaj ekzercoj.

La retejo **Lernu.net** proponas Esperanto-kursojn en pluraj dekoj da lingvoj. Ĝi proponas al vi ankaŭ enretan komunumon kun forumo kaj lingvohelpantoj. Certe unu el la plej bonaj lokoj por komenci vian lernadon de Esperanto.

**Duolingo.com** estas tre moderna lingvokursejo kaj la Esperanto-kurso en ĝi permesas al vi akiri bonan nivelon.

Nun ĝi disponeblas por la angla kaj la hispana; baldaŭ aliaj lingvoj sekvos.

Tiu kurso haveblas en multaj lingvoj kaj speciale bonas por poŝtelefonoj. Ĝi estas parto de la "Zagreba metodo", konata serio de lernomaterialo.

La "**Universala Esperanto-Metodo**" instruas per la rekta metodo (nur per bildoj, sen uzi instrulingvon). Oni povas legi la kursopaĝojn en interreto, aŭ sekvi la kurson kun voĉo ĉe <a href="https://www.youtube.com/watch?v=QuQEeE5WgNw">Youtube</a>.

"**Pasporto al la tuta mondo**" estas serio de DVDoj, nun ankaŭ spekteblaj senpage en Youtube. Per la scenoj/kurso vi povas tre amuze lerni Esperanton.

**Lokaj Esperanto-kursoj** estas aparte rekomendindaj, ĉar vi povos tuj ekparoli Esperanton kun veraj homoj. Bonvolu kontakti vian landan asocion de Esperanto por tio aŭ serĉu informojn en interreto. Indas aparte konsideri semajnfinajn kursojn, ĉar ili donas al vi pli grandan progreson en unu fojo kaj bone motivigas vin daŭrigi.

Ĉiusemajnaj aŭ semajnfinaj Esperanto-kursoj ankaŭ bonas por daŭrigi la lernadon post eble komenca lernado en interreto. ★★★

Antaŭ nelonge mi angligis responde al peto de Emilio Cid informojn pri Esperanto-kursoj en la etero

Eble tiu informo valoras ankaŭ al viaj legantoj Amike *Paulo Desailly* ★★★

*(Ĉi tie mi enmetis nur la Esperanto-parton. Roger Springer)*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĝ a r d e n u l i n o j.

**LA JUNA ZAMENHOF** (daŭrigo). El la multaj projektoj faritaj de la juna Zamenhof nur du postrestas: tiu de la jaro 1878 dum en la altlernejo, kaj tiu de liaj ferioj de 1881/1882 dum studisto en Varsovio. En la unua li koncentriĝis sur la internaciecon de radikoj



kaj finaĵoj, (i.a. pluralo en –*s* kaj infinitivoj en –*are*) kaj sur la simplecon de la gramatiko (i.a. sen kazoj). En la dua, pro praktikado, li atentis pri la beleco de la sonado de la lingvo (kaj pro tio forigis la pluralan –*s*) kaj pri klareco de signifo (kaj pro tio enkondukis la akuzativon). Li tiam decidis ankaŭ ŝanĝi la plej ofte uzatajn radikojn al unusilabaj, kio kaŭzis ke la lingvo fariĝis tre malfacile komprenebla. Inter 1882 kaj 1885 li reiris al pli kutimaj vortoformoj kaj en 1885 li fine estis stabiliginta la lingvon al la formo en kiu ĝi estas nun. En tiu sama jaro li ricevis sian universitatan doktorecon. Post tio aperis nur kelkaj ŝanĝoj, i.a. li forĵetis la imperfektan verbtempon. Sed kiam li deziris publikigi sian libron, neniu eldonisto volis presi ĝin. Do li decidis mem presi ĝin, kaj eldonis ĝin en la jaro 1887.

(fino). *M. L.*

## LA SORTO DE LA MALGRANDAJ LINGVOJ.

Franciska dubas (3ZZZ), ĉu Esperanto helpos la lingvojn kun tre malmultaj parolantoj pluvivi kaj ne morti. Eble tiu helpo de Esperanto estos nula, sed konsideru la jenon.

La precipa kaŭzo de la malapero de la malgrandaj lingvoj estas, ke tiuj lingvoj parolatas de malplimultoj en nacioj kiuj oficiale agnoskas nur unu nacian lingvon, sian propran kaj, kvankam malpli, en ŝtatoj en kiuj la lingvoj de la malplimultoj estas oficialaj sed malmulte uzataj. Ĉu la angla aŭ Esperanto estos la internacia lingvo, ne influas tion. Tion influas nur la pligravado de la nacia lingvo, kun la jena kvankamo:

En ĉiu neangla lando la homoj devos, por havi pli bonan pozicion en la socio kaj en la ekonomio, funde lerni AŬ la anglan lingvon se la angla estos la internacia lingvo, AŬ Esperanton se Esperanto estos la internacia lingvo/ En la unua kazo, kio nun okazas en Eŭropo, tre malpli ol la duono de la enloĝantoj kapablas uzi la anglan kontentige kaj utile, dum la granda plimulto povas ĝin nur balbuti. Tiu lasta grupo sentas sin, kaj estas, malsupera en la socio kaj fariĝas ĵaluza kaj ofendita. Laŭ mia opinio tio nun en Eŭropo estas la tialo, ke granda parto de la eŭropuniaj popoloj fariĝas kontraŭuloj de la Eŭropa Unio. Krome tiuj nacianoj perdas la emon lerni iun ajn, ja malfacilan, fremdan lingvon, inkluzive de la malgrandaj lingvoj mortantaj.

Se, kaj kiam, Esperanto estos la internacia lingvo, multe pli da homoj kapablos kontentige paroli la internacian lingvon (Esperanto) kaj krome bezonos nur frakcion de la tempo necesa por la angla. Krome la homoj pli emos lerni fremdan lingvon, eĉ la malgrandajn, pro la pozitiva sperto pri Esperanto lernebla pli facile. En la kazo ke anstataŭ la angla mastros Esperanto, mi do atendas almenaŭ iomete da helpo al tiuj malgrandaj lingvoj kaj iom da espero ke ili pluvivos.

Sed la decida fakto estas kaj estos, ĉu la naciaj plimultoj permesos al la lingvoj de la malplimultoj pluvivi. Gravaj negativaj landoj estas Francujo kaj Turkujo, kaj gravaj pozitivaj landoj estas Hispanujo kaj Njuzelando.

*Marcel Leereveld.*

## TEĤNIKA GRAMATIKAĴO. Dua Parto.

Pasintan semajnon mi klarigis, ke en eŭropaj lingvoj ekzistas t.n. aktiva prezenca participo, kiu ne indikas tempon kaj tial devus nomiĝi "*continuous* "(= daŭra, imperfekta) participo, kaj ke Esperanto havas ne nur ĉi tiun aktivan imperfektan participon. Ĝi havas ankaŭ pasivan imperfektan participon, kun la finaĵo "-ata". Ambaŭ estas ne verboj, kiel la etnaj, sed adjektivoj difinantaj substantivojn. Krom kelkaj tre malofte uzataj participaj verboj (i.a. lerninti kaj en –unti), la nura ofte uzata participa verbo estas la pasiva voĉo per "-ati". Ekz. "La kokino jam manĝatis" = *has been eaten* kaj "Morgaŭ la horaro ŝanĝatos" = *will be changed,* ĉe kiuj verboj la sufikso "-ati" perdis siajn signifojn de tempo kaj nefiniteco kaj retenis nur la signifon de pasiveco.

**B.**

En etnaj lingvoj ekzistas, krom tiu finiĝanta en "*-ing*", "*-ant*", kaj "*-end*", dua verba participo sen tempo, nome tiu kiu finiĝas en la angla per "*-ed*" (kaj kelkaj "*-en*" kaj esceptoj), en la franca per "*-e'* kaj *–i* kaj *–u*", kaj en la germana per "*-en*" kaj "*-t*" kun prefikso "*ge-*". Ĉi tiu verba participo ekzistas ankaŭ en Esperanto per la adjektiva sufikso "-ata", kaj indkas en ĉiuj lingvoj nur pasivecon, sen tempo; ĝi do nomiĝas la pasiva (sentempa) participo, "the passive participle". Ĉar sentempa, ĝi uzatas por ĉiuj tri tempoj, en Esperanto "La aŭto (komplete) riparatis/as/os hieraŭ/hodiaŭ/morgaŭ". Sed en la etnaj lingvoj ĝi ne estas unu verbo, kiel en la logika Esperanto, sed du aŭ pli da verboj kune, el kiuj unu, la helpverbo (*to be* en la angla, ê*tre* en la franca, kaj *werden* en la germana) indikas la tempon de la pasiva ago, kaj la dua, la participo, indikas la pasivecon de la ago. Ekz. *The car is (being) repaired to-day/ will be repaired to-morrow/ was (= has been) repaired yesterday.* Ĉar la participo mem, kiel en Esperanto la radiko "riparat", ne indikas la tempon de la ago sed nur ĝian pasivecon, ĝi nomiĝas "passive participle", kvankam ĝi similas al la preterita participo, the past participle kiu uzatas kun la helpverbo "havi" kaj havas la samajn finaĵojn kiel la pasiva participo. Ke la pasiva participo ne indikas tempon montras la ekzemploj *"Yesterday he was (has been) operated on/ To-day he is (being) operated on/To-morrow he will be operated on"*. En Esperanto: "Li operaciatis/as/os. En ĉiuj tempoj: "*The operated on man" (The man operated on), "L'homme opéré"*, kaj "*Der operierte Mann*". En Esperanto "La operaciita/ata/ota viro".

(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*

## KVIZEGO.

Ĉisube vi trovos la respondojn al la ĵussemajna Kvizeto. Ili konsistas el la kvindek inter si malsamaj Esperantaj verboj kiel tradukoj de la kvindek inter si malsimilaj signifoj de la angla verbo "*to get*" kelkfoje kun prepozicia adverbo. Vi trovos nur la Esperantan verbon kun la numero de la angla esprimo:

Akiri = n.ro 3; akordi = 14; alveni = 1; -ati = 49; bonstati = 17; ĉesi ĝeni = 44; ĉirkaŭiri = 28; daŭrigi = 20; deiri = 15; devi = 40; eldoni = 23; eliri = 22; ellitiĝi = 30; eniri = 12; enuigi = 34; eskapi = 47; fabriki = 42; foriĝi = 8; foriri = 13; havi = 2; havigi al si = 21; igi

= 6; iĝi = 5; juĝi = 43; kapti = 53; kolekti = 11; komenci = 38; kompreni = 50; komprenigi = 41; kuniĝi = 46; kunveni = 39; leviĝi = 32; liberigi = 16; malsupren iri = 10; naski = 35; plenumi = 29; povi aranĝi siajn aferojn = 37; prepari = 36; pretigi = 31; progresi = 7; prosperi = 19; restatiĝi de = 26; reveni = 9; ricevi = 4; sukcesi = 45; suriĝi = 18; ŝatati de = 48; trairi = 27; trompi = 25; venki = 24.

*Marcel Leereveld*.

## P A R I Z O .



Dum la lastaj jarcentoj, kaj plu, Parizo juĝadatas de multego da homoj esti la plej aminda kaj amata urbo en la mondo. Kial?

Multaj verkistoj donas kiel kaŭzon diversajn elstaraĵojn, kiel la artojn, la arĥitekturojn, la intelektan vivon, la historiaĵojn de la urbo, la bulvardojn, kaj plurajn aliajn karakterizaĵojn. Sed ankaŭ aliaj urboj estas centroj de arto kaj de historio kaj de arĥitekturo kaj de aliaj karakterizaĵoj. Multaj el la admirantoj eĉ ne scias, kial ili tiom profunde amas Parizon super iu ajn alia grandurbo. Mi mem konas multajn urbegojn, tamen plej amas Parizon, sen speciala tialo, sed pli ol mian belegan naskiĝurbon Amsterdamo, kaj ol mian nunan belan loĝurbon Melburno.

Dum unu nokto en mia melburna lito mi penis eltrovi, kial Parizo estas la favorata urbo mia kaj aliies. Mi konkludis, antaŭ ol endormiĝi, ke la proo (= pro tio) estas ke Parizo estas urbego konsistanta el dudeko da malgrandaj sed same imponaj Parizoj. Ĉiu el tiu dudeko da Parizoj havas sian proprospecan belegan karakteron kaj tamen sentiĝas kiel firma parto de la granda Parizo, Parizego, kvazaŭ oni vizitas ne nur unu amikon sed plurajn geamikojn. La limo inter la dudeko da Parizoj estas tre klara kaj difinita, sed tamen ili ĉiuj sentiĝas kiel nesplitebla unuo, ĉar ili amas unu la alian. Ili estas familio de dudek gefratoj. Se mi vizitas nur Montmartre, mi sentas en miaj vejnoj tutan Parizon. Se mi vizitas ĉiujn dudek Parizojn, mi vizitas dudek belegajn urbokarakterojn en unu belega Parizego.

Unu el la multegaj amantoj ante al Parizo estis la konata adelajda verkisto Esperantista Len Newell, kiu verkis la ĉisuban poemon pri Parizo. Milionoj da homoj, se ne miliardoj, sentis, sentas, kaj sentos pri Parizo same arde kaj same ame kiel Len Newell kaj mi. Jen la poemo de Len: *Marcel Leereveld.*

### P a r i z o.

1, Postlasis mi la koron en Parizo
Nun restas mia koro trans la mar';
Revenis mi al hejmo kun valizo
Enue vivi dum alia jar'...
Sed koron mi postlasis en Parizo.



2. Ah, kiom mi sopiras al Parizo!
Eksaltas mia sango en la vejn';
Urbego de gajeco kaj surprizo
De vino kaj kafejoj apud SEINE
Ĉielon spegulanta el turkizo.

3, Printempe verdas arboj en Parizo,
Bluetajn ombrojn ĵetas NOTRE DAME
Kaj kajoj malvarmetaj de Parizo
Dormetas sub karesa suna flam'
Ĝis brilos lampoj sub krepuska grizo.

4. Tre belaj estas Moskvo kaj Kadizo,
Berlino, Buda, Romo kaj Vien';
Pli bela estas urbo sur Tamizo;
Sed ravas min nur franca la siren':
Min sorĉos ĝis la morto nur Parizo.

5. Da rimoj elĉerpiĝis la provizo:
Mi finu. Sed komprenu, anĝelar':
Post morto min atendos Paradizo,
Sed iros al ĉiel' nur ŝelo – ĉar ...
Mi lasos mian koron en Parizo.


Len Newell

Marcel Leereveld.






Petro Danzer BES Sekretario



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 11 Ree kokinoj ero dua



Survoje al Kembriĝo Saunderson veturigis sian aŭton sur la fekaĵaron. Li haltigis la aŭton en la aŭtomobilrestadigejo antaŭ "*Marks and Spencer*" en Kembriĝo. En Marks and Spencer li aĉetis novan puloveron por sia arogantulo, trinkis tason da kafo, kaj eliris sur la aŭtomobilrestadigejon. Tie apud lia aŭtomobilo staris grupo da homoj laŭte diskutante. Tie staris ankaŭ policano. Tiu diris: "saluton, saluton, saluton !" al Saunderson, petante ke li malfermu la kofrujon de la aŭto, ĉar oni suspektas, ke kadavro estas en ĝi. Klarigis Saunderson, ke estas neniu kadavro tie, sed ke la aŭto odoraĉas kvazaŭ kadavro, ĉar li surveturis kokinan fekaĵon en sia korto. Tamen, la policano insistis, kaj la homamaso

aspektis pli kaj pli minaca, do Saunderson malfermis la kofrujon, kaj feliĉe por li, sed ne por la homamaso kaj policano, estis neniu mortinto en la kofrujo. Solene deklaris la kembriĝa policano, ke venontan fojon, li lavu la pneŭojn antaŭ ol iri kembriĝen ! Kiam Saunderson rakontis tiun historion al mi, mi forte ekridegis, longe, laŭte kaj elegante, tiom laŭte, ke ankaŭ Saunderson ridegis. Ha, amuzaj tagoj ĉe Saunderson !

Krom paroli Esperanton kun miaj du katoj kaj knaboj, mi parolis ĝin ankaŭ kun Audrey, kvankam ŝi estis tiu, kiu devis instrui al la knaboj, kaj katoj, kaj eble ankaŭ mi, la anglan.

Ni loĝis sufiĉe proksime al "Letchworth" en Hertfordshire. Tie loĝis, kaj ankoraŭ loĝas, ges-roj Sly, kiuj havis Esperanto-grupon, al kiu mi aliĝis. Ĉiun dimanĉan posttagmezon mi kun Marko Anglo biciklis al Letchworth por preni parton en Esperanto-kunveno. Estis tre bone, eĉ bonege, kvankam malvarmege dum la vintro. Tiam ploris Marko Anglo, kaj mi biciklis kiom eble plej rapidege.

Iam sur la vojo ni vidis mortintan talpon. Ĝi estis tiom belega kaj mola, kaj Marko Anglo ekamis ĝin kaj volis havi ĝin. Mi tion permesis, kaj ni portis ĝin hejmen. Sed ne tiom plaĉis al Audrey havi mortintan talpon en la hejmo, kaj mi do forĵetis ĝin iun vesperon, dum Marko Anglo estis en la lito. Ne plaĉis al li la malapero de la talpo, kaj ni devis iri al Letchworth kaj aĉeti blankan raton por lia moŝteto. Tiu rato estis tre amema, kaj mi konstruis por ĝi belegan dometon, kaj neniam fermis la pordon. La rato povis eliri kaj eniri laŭ sia propra plaĉo, kaj ĝuste tion ĝi faris. Estis tre amuze, kiam ni trinkis teon kaj manĝis biskvitojn, ĝi iris laŭ miaj brakoj sur la tablon kaj ŝtelis biskviton. Kun ĝi en sia buŝeto ĝi reiris al sia hejmo, sed ĉar la biskvito estis pli larĝa ol la pordeto de la dometo, ĝi neniel povis eniri. Necesis do, ke mi devis helpi, tion mi faris rompante la biskviton en malgrandajn pecojn. Iom post iom la saĝa rato lernis mem fari tion.

Kiam Audrey gladis vestaĵojn ŝi ĉiam lasis ilin sur la tablo iom da tempo. Tio tre plaĉis al la katoj, precipe al Nigrulo, kiu tre ŝatis kuŝi dormante sur la varmaj vestoj. Iun tagon li kuŝis tie kune kun la rato. La rato estis tiom amema, ke neniu volis kaŭzi al ĝi dolorojn.

Tamen, iam Nigrulo kaptis etan muson, kaj mi deprenis de Nigrulo la museton, sed tiam ĝi estis jam vundita. Ĉar mi kompatis la muson, mi enmetis ĝin en la hejmon de la rato, ĉar mi supozis, ke tiuj du bonege povas vivi kune. Sed ne, la rato fariĝis tre ĵaluza, kaj tuj, per unu forta batego, ĝi mortigis la muson. Mi ne sciis, ke ratoj povas esti tiom kruelaj !

*Daŭrigota* *Bob Felby*





# 3ZZZ



Se vi intencas iri al la Universala Kongreso en Lisbono, Portugalio, Laszlo plu informas pri tiu evento en la elsendo de la 19a de februaro. Eblas ankoraŭfoje aŭdi ankaŭ pri la graveco de abeloj

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



